No. 3. Januaro 1951 3a jaro


# BULTENO

de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj








Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam


**FELIĈON KAJ PROSPERON,**

Sed antaŭ ĉio pacan novjaron deziras al ĉiuj siaj membroj la estraro de IFEF. Ĝi instigas ĉiun fervojistan Esperantiston komenci 1951 kun la firma volo, dediĉi sian kapablon, povon kaj laboremon al nia juna federacio, kiu reciproke volas servi al ĉiuj anoj de la granda familio fervojista

## LA 3a INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO

**Kongres-informilo no 1.**

La Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj ( I.F.E.F.), fondita en 1948, grupigas la tutmondajn fervojistojn en la kadro de profesia federacio. Ĝiaj taskoj estas krei interfratiĝon inter samprofesiuloj pere de Esperanto, faciligi la kontaktojn inter la fervojistoj per korespondado kaj reciprokaj gastigadoj, labori al eldono de *Fervoja terminaro*.
Ĝi laboras supertendence kaj organizas ĉiujare en majo internacian kongreson. La Ia IFEF-kongreso okazis en Aarhus ( Danlando ) en 1949, kie partoprenis 150 kongresanoj. En 1950 en Salzburg ( Aŭstrio ) 400 gefervojistoj el 10 landoj partoprenis la 2an IFEF-kongreson.
Parizo akceptos en majo 1951 ( 16 ĝis 20 ) la 3an IFEF-kongreson.
Nedubeble, ke denove la kongresanaro pligrandiĝos,ne nur pro la tradicia allogo de la kongresurbo, sed ankaŭ pro la konstanta pligraviĝo de I.F.E.F.
Por ricevi la programon kaj kondiĉojn de partopreno, petu la kongres-informilon de la L.K.K. de la 3a IFEF-Kongreso al: Franca Fervojista Esperanto-Asocio, 11 Rue de Milan, Paris IX.

**Kongres-informilo no 2.**

*Franca Fervojista Esperanto-Asocio* invitas ĉiujn fervojistojn al par-

topreno de la 3a IFEF-kongreso, kiu okazos en Parizo, de la 16a ĝis la 20a de majo 1951.
Tuj post la kongreso en Salzburg la Loka Kongresa Komitato estis elektata kaj ĝi prezentas hodiaŭ la unuajn informojn. Tiuj informoj ne jam estas kompletaj, sed ni esperas, ke ili tamen estos sufiĉaj por ne prokrasti la aliĝojn al la 3a IFEF-Kongreso. La L.K.K. klopodas por ke la kongreso fariĝu manifestacio utila kaj neforgesebla.
Estas tasko malfacila post la sukceso de la du antaŭaj kongresoj, sed ĝi esperas meriti la fidon de la tutmonda fervojistaro.
Gesamideanoj, gekolegoj, ĉiuj en Parizo en majo 1951!

La Loka Kongres-Komitato konsistas el: Prez. G.Lemonnier; Sekr. R.Rétault; Kas.A.Blondeaux; Komitatanoj S-ino Moreau, S-roj Tuffier, Démolliens, Delaquaize, Francois kaj Lévêque.
KONGRESKOTIZO: Kongresano 800 Fr.Fr., Familiano 400 Fr.Fr.
Eksterlandanoj pagu al la landa deligito, kiu gvidos la karavanon; Francoj tuj kun la aliĝo al la poŝtkonto de F.F.E.A. 7.402-60 Paris.
ALIĜOJ: Aliĝojn al la kongreso oni ne plu akceptos post la 10a de aprilo 1951. La aliĝiloj estas haveblaj ĉe la L.K.K. aŭ ĉe landaj deligitoj de IFEF.
INFORMPETOJ: Turnu vin al la L.K.K. aŭ al la deligito de IFEF. Kunmetu al ĉiu informpeto sufiĉan afrankon por la respondo.
(Nederlandanoj direktu sin rilate vojaĝon kaj monaferojn al la gvidanto de la FERN-vojaĝoficejo, S-ro G.Bouwkamp, Claes de Vrieselaan 59 a, Rotterdam Z.) (Noto de la Red.)
KONGRESKARTOJ: Ilin oni disdonos je la alveno en la Parizaj stacidomoj.
La Kongreskuponojn oni disdonos en la kongresoficejo kontraŭ pago de la kongreskotizo kaj prezento de la kongreskarto. Kiuj antaŭpagos la kongreskotizon, tiuj tamen ricevos la kongreskuponojn en la kongresoficejo.
La kongreskuponoj valoros por senpaga partopreno al la kongresaranĝoj, ekskurso kaj postkongresa tago esceptitaj.
MANĜADO: La kongresanoj povos manĝi en kantino proksimeme al la kongresejo. La manĝkuponoj estos vendataj la antaŭan tagon por la morgaŭa en la kongresoficejo. Tagmanĝo aŭ vespermanĝo 120 Fr. (kun trinkaĵo sen pano). Kiuj manĝos en la kantino la 16an de majo, tiuj tion indiku sur la aliĝilo, kaj la prezo de la manĝo(j) por la 16a de majo estu pagata kun la kongreskotizo.
Oni ankaŭ povas manĝi en iu el la restoracioj, proksimaj al la kongresejo, elspezante de 250 ĝis 800 Fr. Kontentiga manĝo kostas proksimume 350 Fr. Matenmanĝo 100 Fr. Al tiuj prezoj oni devas alkalkuli la servmonon, 10 ĝis 15% laŭ la lukso de la restoracio.
TENDEJO: Loĝontoj sub tendejo: matenmanĝo 50 Fr., tagmanĝo 150 Fr.
LOĜEJOJ: La L.K.K. ne okupos sin pri gastigadoj ĉe samideanoj, tiujn interkonsentojn la interesatoj aranĝu mem.
HOTELOJ:

| | | ĉambro por unu persono | Ĉambro kun granda lito |
|---|---|---|---|
| Kategorio | 1 | 500 Fr. | 650 Fr. |
| - | 2 | 450 - | 600 - |
| - | 3 | 400 - | 500 - |
| - | 4 | 350 - | 450 - |

Tiuj prezoj estas tiuj de decembro 1950; ili valoras por unu nokto sen iu manĝo. En ĉambro kun granda lito la prezoj indikitaj valoras por du personoj en unu ĉambro dum unu nokto.
AMASLOĜEJOJ:
Kategorio 5: Tranokto sub tendoj entenantaj 8 ĝis 18 personojn - meze de Parizo - po 250 Fr. por unu tagnokto. Por tiu prezo oni liveras: 1 matracon, 1 kovrilon, 1 matenmanĝon, 1 tagmanĝon( aŭ vespermanĝon ).
La tranoktado sub tendo devigas al almenaŭ unu manĝo en la manĝejo de la tendaro, sekve la prezo de la manĝo kaj de la tranokto ne estas apartigeblaj. La tendaro havas lokon por maksimume 100 personoj.
KONGRESPROGRAMO: Car ĝi estas ankoraŭ modifiebla en siaj detaloj, ni ne jam publikigas ĝin. Ĝi konsistos, kiel kutime el: interkonatiĝa vespero, solena malfermo de la kongreso, variatea vespero, internacia balo, vizito al fervoja centro por teknikistoj kaj interesatoj, vizito al Parizo per specialaj aŭtobusoj. Kvar kunsidoj estos reservataj por la kongreslaboroj.

EKSKURSO: Ĝi daŭros tutan tagon per aŭtobusoj al diversaj vizitindaj lokoj ekster Parizo. La prezo estos indikata sur la aliĝiloj, kiuj estos pretaj en januaro.

POSTKONGRESA TAGO: La 21an de majo la Esperantistoj en Epernay akceptos la kongresanojn. Partopreno 300 Fr. Tiu prezo valoras por la tagmanĝo komune aranĝota, kaj gustumo de la mondfama vino *Campano* en la keloj, kie ĝi estas preparata. Interesa vizito.

VETURIGO: Tiuj, kiuj partoprenos la postkongresan tagon en Epernay devos peti sian bileton por Epernay, kiu situas je 130km de Parizo sur la linio Kehl-Strasburg-Nancy-Paris. Tri kazoj montriĝas:

1e- Por veturi al Parizo la kongresano ne iros la fervojan linion Kehl-Paris. Tiam oni petu sian bileton por Epernay tra Paris.

2e- Por veturi al Parizo la kongresano iros la fervojan linion Kehl-Paris. Tiam oni petu sian bileton por Paris kaj haltos en Epernay sur la returna vojo, sen reveno al Parizo.

3e- Por veturi al Parizo la kongresano iros la linion Basel-Paris. Oni povos peti sian bileton kiel ĉe Ie, kun reveno al Parizo, aŭ peti sian bileton por Paris tra Basel-Vesoul-Troyes kaj revene de Paris ĝis Basel tra Epernay-Chaumont-Vesoul.

Diversaĵoj: Veturo en la subtera vagonaro kostas 14 Fr.( detaloj en la kongreslibro ); letero al eksterlando 25 Fr.; poŝtkarto 15 Fr.; taso da kafo 20 Fr.( sen lakto ); glaso da vino 20 Fr.; biero 25 Fr.; pano 19 Fr.( 400 gr ); sandviĉo 45 Fr.

## REGULARO DE I.F.E.F.

**Par. 1** IFEF estas fondita la 4an de aŭgusto 1948 en Amsterdamo, Nederlando.

**Par. 2** La Federacio de Fervojistaj Esperantistaj Rondoj( IFEF ) havas sian sidejon en la lando en kiu loĝas la estraro kaj estas en ĉi tiu regularo nomita *La Federacio*.

**Par. 3** La Federacio konsistas el landaj rondoj de Esperantistoj, dungitoj de la fervojoj kaj ties flankentreprenoj.

**Par. 4** La celo de la Federacio estas interkonatigi kaj interfratigi la Esperantistajn Fervojistojn kaj ties pensiulojn de la tuta mondo kaj propagandi Esperanton sur nia labortereno kaj enpenetrigi nian ideon en la koncernaj instancoj fervojaj. Ĝi estas neŭtrala rilate la politikan kaj religian konceptojn de la membroj.

**Par. 5** Ĝi klopodas atingi la celon per:
- **a** eldono de monata bulteno,
- **b** individua korespondado inter la membroj,
- **c** internaciaj renkontiĝoj kaj reciprokaj individuaj vizitoj de la membroj.

**Par. 6** Membroj povas esti nur geanoj de la landaj rondoj kaj gekolegoj en landoj en kiuj ankoraŭ ne ekzistas landa rondo (izoluloj).

**Par. 7** Kiam en iu lando estas minimume kvin membroj, ili formu landan rondon.

**Par. 8** La landaj rondoj konsistu el minimume tri estraranoj, kiuj se eble loĝu en la sama loko.

**Par. 9** La landaj kasistoj enkasigas por la rondoj la kotizon, de kiu ili unufoje jare transdonu al la Federacia kasisto sumon, egalan al tri internaciaj respondkuponoj po membro. Ĉi tiu sumo estas destinita por la administrado kaj mastrumado de la Federacio.

**Par. 10** La Federacia estraro konsistas el minimume kvin membroj, kiuj loĝu en la sama lando. Ĉiujare ĝi eksiĝas, sed estas tuj reelektebla. Prezidanto, sekretario kaj kasisto estas individue elektataj. Kandidatojn por la estraro proponas la landaj rondoj.

**Par. 11** Ĉiujare okazas kongreso, en kiu la landaj rondoj reprezentas sin per sia estraro aŭ aliaj deligitoj. La Federacio estas reprezentata de sia estraro.
Prefere la kongreso okazu en majo.

**Par. 12** En la kongresoj estas pritraktataj la proponoj de la landaj rondoj kaj izolaj membroj. Estas elektataj la estraro kaj la loko de la sekvanta kongreso.

**Par. 13** Ĉiu membro havas la rajton ĉeesti la kongreson, sed nur la deligitoj havas voĉdonrajton. Deligito, kiu reprezentas pli ol cent membrojn, havas du voĉdonojn, la ceteraj unu.

La estraro de IFEF.

## DEZIRAS KORESPONDI

FRANCIO: Louis Pannier, 22 Rue du Grand Marché-Tours (I & L) kun Danaj fervojistoj. M.Dumont, Impasse du Télégraphe - Achères (S & O) kun ĉiuj landoj (filatelisto). Junaj fervojistoj serĉas gekorespondantojn en ĉiuj landoj. Skribu al: Sinjoro Roy 43 Rue Jérome, Vesoul (Hte Saône).

LETERVESPERO. La 28-an de marto 1951 finos 14 fervojistoj komencan kurson kaj deziras korespondi. Skribu al: K.P.Sørensen, Nyborgvej 68, Odense, Danlando.

La 29-an de marto 1951 finos 30 gefervojistoj kurson kaj deziras korespondi. Skribu al: Johs. Christoffersen, Hallssti 43, Aarhus, Danlando.

## EL LA GAZETARO

En *Der Eisenbahner*, organo de la Svisa fervojista sindikato ( SEV ), de la 3a de novembro 1950, aperis detala artikolo pri la ĝenerala kunveno en Zurich de nia Svisa asocio SAEF.
En la germanlingva artikolo oni denove atentigis pri IFEF kaj menciis la partoprenon de kolego Sonderegger al la FERN-kongreso en Rotterdam.

En *Rautatielainen* ( Fervojisto ), organo de la Finlanda Fervojista sindikato, aperis foto de la ĵus fondita fervojista Esperanto-societo S.E.F.F. kaj artikolo pri la fondiĝo.
En alia numero de la sama organo aperis ampleksa Esperanto-angulo kun klarigoj pri gramatikaĵoj, ĝeneralaj komunikoj el la Esperanto-movado, poemo kaj longa vico de Esperantovortoj, finne tradukitaj.
Ni ĉiloke deziras al niaj Finlandaj gekolegoj multan sukceson kaj gratulas ilin pro la jam atingita sukceso koncerne la interesajn artikolojn en la sindikata gazeto.

*Der Eisenbahner* No 12 kaj 13, organo de la Aŭstria fervojista sindiato, publikigis artikolojn pri la fervojista Esperanto-fakgrupo. En No 12 la artikolo donas bonan superrigardon pri la divido de la funkcioj inter la aŭstraj gekolegoj, kiuj elektis apartajn estrarojn por la fakgrupo, por IFEF, por la gazetaro, ktp, krome ĝi enpresigis koncizan raporton pri la jarkunveno de AEF en Schnann(Tirolo).

En la decembra numero de *Sennaciulo*aperis anonco pri la restarigo de la Itala Fervojista Esperantista Asocio.

## KOMUNIKOJ DE LA SEKRETARIO

En Italio kaj Finlando fondiĝis Esperanto-Asocio de fervojistaj Esperantistoj. La IFEF-estraro instigis la tieajn gekolegojn fari tiujn klopodojn kaj niaj gekolegoj sukcesis plene.
Kvankam ambaŭ asocioj ne ankoraŭ oficiale aliĝis al IFEF, ni havas bonan esperon, ke ni ankaŭ sukcesos liberigi la vojon al nia Federacio, por ke niaj italaj kaj finnaj gekolegoj okupu la lokojn en niaj vicoj.

La kancelario de la Svisa fervojdepartamento sendis senpage kaj oficiale ( kiel fervojdeĵoraĵo ) la konvencion pri la *Tarifo lor la vartrafiko inter Svisio kaj Italio* al la terminara komitato.
En tiu konvencio ĉiuj esprimoj estas trilingvaj kaj certe la sendaĵo estas altvalora por la kompilado de nia fervoja terminaro.
Ni sincere gratulas niajn svisajn kolegojn pro la sukceso kaj dankas kore la koncernan fervojdepartementon pro la altvalora kontribuaĵo.

Ni atentigas pri la apero de interesa, dukolora reklamilo - ESPERANTO-VARBILOJ, senpage havebla, kiu montras 22 diversajn formojn de kaŭĉukaj Esperanto-stampiloj ( steletoj diversformaj, kun varbtekstoj nacilingvaj kaj Esperantlingvaj ), eldonita de Stampilfabriko*GREVILLICT*, 4 Rue Mercière, MULHOUSE ( Francio ). Dorsflanke troviĝas varbteksto seslingva, inkluzive Esperanto, realigita de ESPERANTO-DIFFUSION FRANCAISE, 2 Avenue Dibidour, Paris 19.

Kongresproponojn oni sendu antaŭ la Ia de marto al la Sekretario de I.F.E.F., Jan Lok, Orteliusstraat 108. III, AMSTERDAM. W. NEDERLANDO.